13-a jaro (Numero 6) 1934
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## Ĉu TAGE rajtas daŭrigi sian laboron?

Antaŭ kelkaj tagoj mi parolis kun kolego, TAGE-ano, pri nia asocio. Ni pritraktis la nunan, sufiĉe malfacilan situacion. Li rimarkis, ke kvankam la laborkomitato konstante laboras, multaj anoj, ŝajne, tre inerte travivas la nunan periodon, kaj malmulte helpas; male — —eĉ *mal*helpas.

»Nu«, li daŭrigis sian paroladon al mi, »ĉesigu tian senfruktan kaj sendankan laboron; uzu vian liberan tempon por vi mem, kaj ne plu por afero, kiu ne estas ŝatata!«

Mire mi rigardis lin. »Jes, jes!« li konkludis, »*ne* ŝatata! Ĉar:

— La anoj ne respondas la petojn de la laborkomitato pri diversaj enketoj, komunikitaj en la revuo. Tiuj respondoj povus interesi eĉ ne-esperantistajn gekolegojn, kaj signifus do ne nur rektan propagandon por nia asocio, sed ankaŭ varbadon por Esperanto inter la instruistaro tutmonda. Tre, tre grava flanko do de nia laboro!

— Ili ne interesiĝas pri la enhavo de la revuo, ĉar pri la peto de la komitato por starigo de pedagogia biblioteko kaj kreo de por-infana literaturo, preskaŭ neniu respondis. Ĉu ili legas la gazeton, pri kies redaktado kaj eldono la komitato tiom devas zorgi?

— Ili, aŭ almenaŭ kelkaj, eĉ ne regule pagas sian kotizon, kvankam la administranto ilin plurfoje admonis. Ili ne respondas, regule ricevas la revuon, kaj eĉ ne sciigas, ke ili deziras eksiĝi. Tiuj »samideanoj« alportas al TAGE nur superfluan laboron kaj financan perdon.. ! Kaj tio en la nuna tempo!!! Ili...«

Sed mi interrompos lian argumentadon, ĉar pro kio mi daŭrigos sciigi al vi liajn riproĉojn? Vi, kiuj ne kulpas pri tiu neakurateco, ne bezonas aŭdi tiujn severajn vortojn, kaj la aliaj, kiuj ne estas tute senkulpaj, tre verŝajne... *ne* legos la revuon, do ankaŭ ne ĉi tiujn liniojn.

Mia amika konsilanto ankoraŭ daŭrigis kelkan tempon kaj finis per jenaj vortoj:

»Tiuj gekolegoj ne konscie *aniĝis*, sed ili nur bonvole *aliĝis*!«

»Jes, jes,« mi respondis, »sed — kvankam vi fakte pravas, — tamen —, malgraŭ ĉio, ni persiste daŭrigas nian laboron.« Kaj nun *mi* argumentis: »Ĉar:

— La plimulto de la anoj bone komprenas la tre gravan rolon de nia asocio, meze de ĉiuj aliaj unuiĝoj, batalantaj por la disvastigo de nia lingvo.

— La anoj ne respondis niajn demandojn, kaj ne plenumis niajn petojn! Ne! vi pravas. Sed, ili almenaŭ ne komunikis al ni sian malŝaton pri nia laboro aŭ opozicie kontraŭstaras nin. Ili nur forgesis pro multaj aliaj zorgoj. Tio ne estas agrabla por ni, sed, kiam mi sciigos al ili viajn akrajn rimarkojn, ili certe pli bone helpos nin en la jaro 1935-a.

— Jes, la neregula pagado de la kotizoj estas por ni tre, tre dolora. Kaj tiuj »samideanoj« certe nur *aliĝis* senpripense, kaj neniam *aniĝis*. Ni ne plu kalkulos pri ili! Por nia asocio estas pli bone grupigi en si kelkcentan kernon da energiaj, celkonsciaj batalantoj, ol milojn da gapantoj, kies nombro nur ironie akcentas la »gravecon« de instruista asocio. Kaj ni certe ne toleros ke iu primokas tiun gravecon! Ĉar por la proksimiĝo de la »fina venko« instruista unuiĝo povas fari multe. Mi opinias ke tia tezo inter esperantistoj ne plu estas pridiskutenda!«

La celo: *enkonduki esp. en la lernejon*, certe estas inda ke multaj streĉe laboras por atingi ĝin. Asocio, kiu portas tian devizon do nepre rajtas ekzisti. Kaj, precipe nun, kiam la internaciaj rilatoj ie kaj tie difektiĝas, kaj por internacia lingvo la vivo fariĝas malfacila, estus granda paŝo malantaŭen, se asocio, en kiu grupiĝis geinstruistoj el diversaj landoj, devus malaperi. Ĉiaj rilatoj kun alilandanoj, kiuj alportas reciprokan estimon kaj ŝaton, estas urĝe necesaj por instruisto-edukisto. Li rekte kontaktas kun kolegoj el plej diversaj landoj per esperanto. Ke restu al li, por la estonto, almenaŭ tiu amika kontakto!

Sed, kia, tiu instruista asocio devas esti? Ĉu TAGE en ĝia nuna formo vere rajtas esti tiu »bezonata« asocio de gekolegoj diverslandaj?

Mi respondas tutsincere: jes, certe jes! En TAGE aniĝis ĉiaj gekolegoj, kiuj, kompreneble ĉiu por si mem, havas siajn proprajn dezirojn, rilate al gvidado de fakorganizo. Sed ili scias, ke la tempo ankoraŭ ne venis por formi diverskolorajn asociojn, kaj ke provizore certe nur unu sufiĉas. La instruista movado inter la esperantistoj ankoraŭ estas malforta, same kiel la ĝenerala esperanto movado en la unuaj jaroj post 1887. Ĉu Esp. estus atinginta la nunajn sukcesojn, se la unuaj kelkcentaj adeptoj tuj estus dissplitiĝintaj en diversaj partioj? Kiam la instruistoj grandamase lernos esp., uzos ĝin por siaj internaciaj rilatoj, agados por enkonduko en siaj lernejoj kaj grupiĝos en asocioj, tiam ili povos elekti tian organizon, kies gvidprincipojn ili preferas. Sed, laŭ mi, ĝis nun, tiu stadio ankoraŭ ne komenciĝis.

Ĉu instruistoj ne povos kune agadi por iu komuna idealo, flankenlasante dum la proksima estonto, ĉiajn privatajn konvinkojn? Krome ĉiu

plugu sian propran kampon kaj preparu laŭ plej konvena maniero la enkondukon de nia lingvo en sia lernejo.

TAGE kolektu en si la instruistojn, kiuj edukos siajn lernontojn por reciproka estimo kaj pacaj interrilatoj. La anoj ne forgesu la ĝeneralan propagandon por nia lingvo inter la kolegaro kaj la uzado en niaj internaciaj fakkunvenoj. Por siaj fakinteresoj ili senpere kontaktu kun kolegoj en diversaj landoj aŭ ili uzu por ĉi tiu celo, la revuon IPR. Laŭ ambaŭ manieroj TAGE peradas.

Ĉu tiuj »idealoj« ne valoras ke ni penadas por ili kaj oferas iom el nia libera tempo, kaj eĉ el nia malvasta monujo?

Multaj esperantistoj, ne-instruistoj, tre simpatie parolas pri nia laboro, eĉ subtenas nin diversmaniere. Ili, kun ĝojo, disponigas lokon por ni en la Esperanto-lando. Ĉu vi kontentas, gekolegoj, kiam vi vidas ke nia instruista provinco en Esperantujo estas popolata tiel maldense?

Malgraŭ ĉiaj malfavoraj cirkonstancoj tiu stato povas esti pliboniĝata, *devas* esti ŝanĝata, ne post multaj jaroj, sed en la proksima estonto, eĉ en 1935. Ekzistas multaj gekolegoj, kiujn ni tutkore bonvenigos en nia rondo.

Certe ni atingos konsiderindan sukceson, se ĉiu el niaj nunaj anoj fervore, kaj konstante kunlaboros, propagandos, ne nur en la komenco de la nova jaro, sed *ĉiam, daŭre.*

... *Ĉiu varbu, kaj varbu konstante*... ! Kiam ĉiu el ni alportos dum 1935 almenaŭ unu novan anon, tiam nia organizo estos tute sana kaj povos plenumi sian gravan taskon!

Ek! do, geamikoj, laboru por TAGE, tage kaj nokte! *P. K*

---

# Polujo

## La nova kleriga sistemo en Polujo

Sendube, la klereco de l' popolo estas fundamento, kiu puŝas antaŭen la progreson en ĉiuj landoj.

En multaj pasintaj epokoj certa speco de ŝtat-registaroj estis interesata pri la malklereco de siaj popoloj. En tiuj epokoj, kiam la devizo de la regantoj estos »L' état c' est moi«, aŭ »ĉio por la popolo, sed nenio por la popolo« — la klereco de l' popolo povus malhelpi la realigon de tiaj rego-.programoj. Sed la nuna epoko baziĝas je absolute kontraŭaj principoj; la registaroj konscias, ke la bonon por la lando oni sukcesos akiri, nur kiam la tuta popolo kompreninte, ke la registaro celas ĝian bonstaton, helpos per ĉiuj fortoj en la realigo de la registaro-programoj. Kaj por veki tian konsciencon ĉe la popolo, oni devas tiun popolon instrui pri la taskoj kaj celoj de la registaro. Kompreneble, tion apliki kapablas popolo klera ne analfabeta.

Tial, unu el la ĉefaj zorgoj de la nuntempaj registaroj estas ankaŭ la klerigo de la popolo.

Antaŭ 15 jaroj heredis la Pola Popolo de siaj subigintoj tri divers-

ajn lernejo-sistemojn kaj ... grandegan parton de l'popolo analfabetan.

Tiun staton oni komencis radikale forigi. Jam en februaro de la jaro 1919, duonjaron post la akiro de sendependeco, per dekreto estis enkondukita deviga instruado en popola lernejo 7-klasa. Estis fondita reto de popolaj lernejoj tra la tuta lando, kaj samtempe aperis multaj gimnazioj ĝeneralklerigaj. La kleriga sistemo, kiu iel formiĝis estis bazita je 7-klasa popollernejo, 8-klasa gimnazio, kaj fine — universitato. Tiu sistemo havis multajn nekompletaĵojn: la 7-klasa popollernejo pli malpli respondis al la tri unuaj gimnaziaj klasoj, kiuj samtempe funkciis, enkondukante ian malutilan dualismon, — liniojn aristokratan (multepaga gimnazio, akirebla nur por riĉuloj) kaj demokratan (popollernejo).

Infano, kiu post fino de la popollernejo venis en la gimnazion, estis rigardata de la gimnazianoj kiel pario.

Krome, en tiu provizora klerigo-sistemo oni rezervis tre malmultan lokon, aŭ eĉ tute neglektis la fakan metiolernejon, kiu ja nepre postulas atenton. Ankaŭ la programoj de la lernejoj estis plej ofte tre abstraktaj, ne praktikaj, kaj tial ne respondantaj al la vivo-bezonoj.

Radikalan ŝanĝon enkondukis la leĝoj aprobitaj de la parlamento la 11 de marto 1932 (pri la elementaj kaj mez-lernejoj) kaj la 15 de marto 1933 (pri la superaj lernejoj).

Tiuj leĝoj enkondukas la jenan lernejosistemon:

a) 6-jara, deviga popollernejo,
b) 4-jara gimnazio
c) 2-jara liceo
kaj d) supera lernejo, universitato.

Inter tiuj 4 lern-etapoj enplektiĝas diversfakaj metiaj lernejoj. Post fino de la popollernejo oni tuj povas eniri la mezgradan metiolernejon. Same oni povas ekstudi en metio-lernejo de pli alta grado post fino de 4-jara gimnazio: aŭ, ankaŭ post fino de 2-jara liceo, oni povas eniri en fakan metiolernejon de supera grado.

La gimnazio, same kiel la liceo estas lernejoj mezgradaj ĝeneralklerigaj. La liceo estas krom tio dividita laŭ diversaj fakultatoj, tiel, ke la lernanto, enirante la liceon, jam devas por si elekti fakultaton, kiun li kontinuos ĉe la universitato.

Kompreneble, ke tiu du-jara prepara studo en la liceo multe faciligos al la studento ĉe la universitato.

Por tiu kadro de la nova lernejo-sistemo la kleriga ministerio preparis konforman instruo-programon, kiu anstataŭ abstraktaj kaj ne praktikaj scioj donos al la lernanto sciojn, kiujn li povos utiligi praktike en sia posta vivo.

La realigo de la nova lerneja sistemo kun la nova instru-programo daŭros 6 jarojn. La pasinta lerno-jaro realigis unu jaron de la klerigo-etapo, la rezultoj, atingitaj en tiu 1/6 de la efektivigita programo estas bonegaj kaj atestas pri la valoro de la nova kleriga sistemo kun la nova instru-programo en Polujo. *Henryk Gielb.*

1

# La pafita fazano*

Estis iam juna orfazano. Ne pli ol unu someron ĝi jam vivis, ĉar en la printempo ĝia patrino elkovis ĝin. La gepatroj bone prizorgis ĝin kaj donis abundan nutraĵon. Tiel la juna fazano fariĝis belega birdo. Kiam ĝi flugis en la sunlumo, ĝiaj plumoj brilis rave. Kaj plej bele brilis ĝia longa vosto. Tiun ornamis plumoj, tre belaj, belegaj! Sed ankaŭ ĝiaj flugiloj estis mirigaj, ĉar tiuj brilis per multaj orkoloraj plumoj. Kaj eĉ la lanugaj brustplumetoj estis orkoloraj.

Nu, je tago, kiam ĝi estis sufiĉe granda kaj forta jam nutrante sin mem, ĝi elflugis la neston kaj eniris la vastan mondon. Kiel ĝi raviĝis pri tio. Somere la vivo por fazano estas facila kaj bela. Malsaton ĝi ne timu, ĉar ĉie troviĝas sufiĉe da manĝaĵoj. Kaj ĉiujn tagojn la suno radias varmige. De la frua mateno ĝis malfrua vespero ĝi nur flugadis tra la suna pejzaĝo kaj multe ĝojis. Nokte ĝi serĉis ŝirmejon por dormi kaj tuj post sunleviĝo, ĝi rekomencis siajn vagadojn.

Kelkfoje, kiam ĝi flugis super klara akvo,

*) El la nederlandlingva libro: »Het tooverkindje« de S. Franke. Eldono de N. V. G. B. van Goor-Zonen's U. M. Hago. Nederlando. Tradukis: J. Torreman.

ĝi vidis sin kiel en spegulo. Tiam ĝi miris, ke ĝi estas tiel bela kaj ĝi tre ĝojis ke ĝi povas flugi la tutan tagon kun tiaj belegaj plumoj.

Iun tagon la fazano estis iomete laca pro la matena flugado. Kaj pro tio ĝi sidis dormetante en la tagmeza suno. Tiam okazis io terura.

Por forpeli sian enuon, riĉa sinjoro estis ĉasanta. La ĉasisto ne estis sola, sed apud li iris lia ĉashundo: bela, gracia besto. Tiu povis kuri tre rapide kaj flari jam je granda distanco ĉu troviĝas ia ĉasaĵo. La viro portis sian fusilon pafpreta, la kolbon de la pafilo sub la brako, la tubon, turnita teren, la fingron al la ĉano. La pafilo estis ŝargita per pezaj kugletoj. Por mortigi birdon unu el tiaj kugletoj estis sufiĉa. Kaj minimume dudeko de tiaj kugletoj estis en la tubo. Se oni pafus per la fusilo, la kugletoj disiĝus. Do ne estis necese, ke la ĉasisto celu tre precize. Ĉar el la kugletoj unu aŭ alia ja trafos. Kaj la devo de la hundo estis zorgi, ke la ĉasisto vidu ion por celi.

Nek por birdo, nek por leporo estis eble sin kaŝi, kiam tiuj du venis en la proksimon, aŭ plej ĝuste, kiam la hundo alproksimiĝis. Ĉar estis tiu, kiu serĉis la ĉasaĵon kaj pelis el ĝia kaŝejo. Tiam la ĉasisto povis mortigi la birdon, kiu timege suprenflugis, aŭ la leporon, kiu terurite

forsaltis. Sen la hundo la ĉasisto havis malgrandan ŝancon.

Kaj ĝuste sur la bieno de tiu sinjoro la fazano sidis.

Jam la ĉasisto kaj la hundo proksimiĝis kaj la fazano rimarkis nenion. Ĝi tie sidis tiel agrable en la varma suno. Pro kio nun pensi pri danĝero?

Sed la hundo ekatentis. Ĝi levis la nazon kaj daŭre flaris.

La ĉasisto vidis tion.

»Serĉu, Nero, serĉu,« kuraĝigis la ĉasisto.

Tio tute ne estis necesa. La hundo bezonis nenian instigon. Ĝi jam flaris la ĉasaĵon. Sed nur la malfacilaĵo estis trovi ĝin kaj peli supren en la ĝusta momento. La hundo iris dekstren en la arbetaĵon. Kelkfoje ĝi haltis por profunde enspiri la aeron. O, ĝi sekvis la ĝustan vojon, ĉar malpli ol kvin minutojn malproksime de tie sidis la kompatinda fazano kaj tute ne sciis, ke proksimiĝis tia granda danĝero. Se nun la birdo forflugus, ĝia vivo estus savita. La ĉasisto certe ne povus trafi de ĉi-tiu distanco.

Sed kial la birdo forflugus? Ĉe la fosaĵrando, apud maljuna saliko, ĝi kviete sidis kaj ĝuis la varmigan sunon. Jen ĝi ordigis la belajn

plumojn de siaj vosto kaj flugiloj, jen ĝi gratetis per sia beko en la lanugo sur sia brusto. De tempo al tempo ĝi ĉirkaŭrigardis por vidi ĉu eble minacas danĝero. Sed ĉio estis tiel trankvila kaj senbrua en la ĉirkaŭaĵo, ke ĝi senzorge daŭrigis sian laboron.

Sed la hundo kaj ankaŭ la ĉasisto pli kaj pli proksimiĝis. Ambaŭ iris singarde por ne timigi la ĉasaĵon tro frue. La hundo sciis precize, kion fari. Ĝi devis zorgi, ke la ĉasisto havu la okazon por trafi la birdon. Kaj la ĉasisto, kiu antaŭe enuis, nun strečite iris post la hundo. Sian enuon li forgesis, nun kiam li estis mortigonta kompatindan, junan fazanon. Tutapude li sekvis la serĉantan hundon. Tiu ekhaltis. Ĝi forte enspiris la aeron kun levita kapo, ĝiaj nazloboj tremis, la harojn en sia nuko ĝi starigis. Ĝi tremis pro ekscito. Ĝi sciis, ke ĝi estis tre proksima de la loko, kie la ĉasaĵo kaŝis sin.

La ĉasisto rimarkis pro la konduto de la hundo, ke la grava momento alvenis. Li alprenis taŭgan pozon, la pafilo estis preta por esti celata kaj sendi la mortigajn kugletojn al la viktimo.

Kaj la orfazano? Nenion li vidis! Ĉu aŭdis?

Eble, ĉar ĝi kuŝigis sin plata sur la tero. Ĝi provis malgrandigi sin plej eble. Sian kapon, antaŭe tre okupatan pro la zorgoj pri la plumoj,

5

ĝi kuŝigis teren. Ĝi tremis per la tuta korpo. Pro angoro ĝi fermis siajn okulojn. Kaj ĝia koro sonis: tok, tok, tok!

Pro kio ĝi ne forflugis? Tiam la hundo ja povis fari nenian malbonon al ĝi. Ne, sed la birdo sciis, ke tie estas ankoraŭ iu alia. Estis strange, ĉar tio estis la unua fojo, ke ĝi renkontis ĉasiston. Tamen ĝi bone sentis, ke ne sole tiu hundo troviĝis tie, sed io, multe pli danĝera minacis ĝin. Kio tio estis, ĝi ne sciis, sed ĝi sentis, ke forflugi nun signifas morti. Nur kaŝi sin povis alporti savon. Proksime estis malgranda arbeto. Tien ĝi devos iri, eble tiam la akcidento ne trafos ĝin. Kun timo en la koro, singarde, ĝi ŝteliris sur la tero. Ne alte sur la piedoj kiel ordinare, ĝi iris, sed sur la ventro ĝi ŝovis sin antaŭen.

Rapidu, rapidu, al tiu arbeto, diris la timo. O, kiel batis tiu maltrankvila birdkoro . . .

Tiam la ĉas-hundo ĵetis sin antaŭen. Laŭte bojante ĝi kuris al la loko, kie la tremanta birdo rampis. En momento ĝi atingis la fazanon kaj minacis ĝin per siaj akraj, blankaj dentoj.

Nun la birdo sciis, ke sin kaŝi ne plu povis helpi. Vidante la hundon, ĝi preskaŭ ŝtoniĝis pro ektimo. Sed tio nur daŭris parton de sekundo. Tuj poste ĝi streĉis la flugilojn kaj provis forflugi.

Ho ve, malgrandan distancon nur ĝi flugis. Kiam ĝi estis nur kelkajn metrojn super la tero, pafo sonis. Efikis nenion, ke ĝi zigzage flugis, kiam ĝi leviĝis. La kugletoj disiĝis, pro tio ili ne povis ne trafi ĝin. Momenton la bela orfazano flugaĉis: dekstren, maldekstren, supren, suben kaj tiam, senforta, ĝi falis en fosaĵo. Tie ĝi baraktis per siaj trapafitaj, detruitaj flugiloj.

Sed ne longtempe. Ĉar la hundo, kiu antaŭ momento ne havis permeson mordi, nun saltis en la fosaĵon, kaj prenis la birdon inter siajn makzelojn. Ĝi ne mortigis la fazanon, o ne, kontraŭe: singarde la hundo alportis ĝin al la ĉasisto. Tiu forprenis ĝin de la hundo, ne atentis la timajn okuletojn de la birdo kaj per lerta svingo, li turnrompis ĝian nukon. Kaj tiam li ensakigis la fazanon, kiu antaŭ kelkaj momentoj tiel ĝojis pro la vivo.

En la ĉasaĵujo estis pluraj malvivaj birdoj; pro tio la fazano preskaŭ ne povis esti metata en ĝi.

La bela vosto kun la oraj plumoj malĝoje elpendis.

Kaj la ĉasisto daŭrigis sian vagadon por mortigi, pro enuo, aliajn birdojn kaj eĉ ne unu momenton li pripensis, ke ankaŭ birdoj tre ŝatas vivi.

# Lernejoj en Sovetio

(Fino)

Sed venis la kvinjarplano...

Rusujo bezonis teknikistojn, inĝenierojn, kemiistojn, agronomojn, direktorojn de grandaj entreprenoj. Ĝi urĝe bezonis dekojn, centojn, milojn da ili en la grandegaj entreprenoj, kiujn ĝi komencis konstruigi. Sed je la surprizo kaj ektimo de la gvidantoj la abiturientoj de la universitatoj kaj de la teknikaj lernejoj ne sufiĉe taŭgis. Ili ne estis kapablaj plenumi tion, kion oni atendis. Ilia preparado estis nesufiĉa.

En la rezolucio de la Centra Komitato de la Komunista Partio oni konstatis: »Niaj infanoj forlasas la lernejon ne sufiĉe edukitaj, iliaj konoj kaj scioj ne estas tiel altnivelaj, ke ili povas daŭrigi sukcese siajn studojn en teknika lernejo aŭ universitato, kaj ili ne povas estri la teknikajn procedojn, kio tamen estas tiel grava por la socialista konstruado.«

Alia rezolucio de la sama Centra Komitato en Aŭgusto 1932 ripetadas tiujn akuzojn, sed pli energie. Laŭ tiu rezolucio oni pristudas tro multe da temoj, sen sufiĉe da interrilatoj; oni ne sufiĉe bone prizorgas: matematikon, kemion, geografion, historion, elokventecon, kiujn fakojn ĉiu soveta junulo, kaj speciale komunisto, bone scipovu, se li deziras fariĝi gvidanto, industria aŭ registara. Kio estas ankoraŭ pli rimarkebla: la rezolucio plendas: la historistudo ne havas perspektivon.

En la sovetiaj lernejoj oni neglektis ĝis nun historion kaj nun oni postulas, ke ĝi akiru la lokon, kiun ĝi meritas. La rezolucio ankaŭ plendas, ke tro multe da socia laboro estas metata sur la ŝultrojn de la instruistoj, ke la studentoj havas tro grandan potencon kaj ke ili montras tro malgrandan respekton por la instruistoj (profesoroj).

Ĝi memorigas al la partianoj la deklaron de Lenin: »la instruisto de la elementa lernejo estu metata tiel alte, kiel li neniam estis metata kaj neniam estos metata en burĝa socio.«

La rezolucio ankaŭ kondamnas la brigadmetodon, ĉar ĝi mortigas la individuan iniciaton kaj respondecon. Iu verkisto, komentante la rezolucion, severe mallaŭdas ambaŭ sistemojn, la kompleksan kaj la brigadan, kaj skribas: se oni daŭrigas tiamaniere, oni ruinigos la tutan instruadon.

La du rezolucioj de septembro 1931 kaj de aŭgusto 1932 indikis revolucian turnpunkton en soveta edukado. La Centra Komitato deklaras tre decide: »scioj pri scienco kaj artoj estu realaj.«

La studentoj povas daŭrigi studi laŭ brigadoj, sed nur kiam tio pli vigligas kaj ne mortigas la studadon. Ili akiru solidan bazon en matematiko, geografio, kemio kaj elokventeco; laborejoj kaj laboratorioj estu bone instalataj, tiel ke la studentoj povu apliki teorion en la praktiko kaj lerni kiel labori kaj konstrui kaj verki industriajn projektojn.

Antaŭ ĉio ili obeu la disciplinon. Ili respektu la laboron de la




KIO ESTAS AELA?

AELA estas kooperativa laborkomuno de Aktivuloj el la Esperantis'aj Libro-Amikoj.

KIAN CELON HAVAS AELA?

AELA celas havigi al siaj kooperativanoj — membroj la necesajn bonajn librojn por la plej malkara prezo.

KIEL AELA ATINGAS SIAN CELON?

AELA konsistas el librokonsumantoj, kiuj ankaŭ mem produktas siajn librojn. AELA-libroj estas jam ĉe la preso kvazaŭ antaŭe aĉetitaj. Tial en la prezkalkuloj ne devas troviĝi grava sumo por kovri eventualan perdon ĉe nevenditaj libroj kaj la prezo povas konsisti el la nuraj preskostoj, papero, sendkostoj, aŭtoraj honorarioj kaj malgrandaj administraj kostoj. Ricevante la necesan kapitalon jam antaŭe de la membroj mem, AELA ne bezonas pagi rentumon por kredito kaj profiton por posedantoj. AELA, dependante nur de la membroj presigas siajn librojn kie la preskostoj estas plej malaltaj. AELA produktante ĉefe por la membroj ne bezonas perantojn inter la produktantoj kaj konsumantoj kaj ankaŭ per tio ŝparas gravajn kostojn. Jen pro kiuj motivoj AELA povas malaltigi la prezon de siaj libroj por la membroj al preskaŭ la kvarono de la kutimaj prezoj.

PRI KIO DIFERENCAS AELA ANKORAŬ DE ALIAJ ELDONEJOJ?

La membroj mem elektas la librojn, eldonotajn en la sekva jaro el tuta listo de diversaj libroj. Per tio direktas la evoluon de nia literaturo ne la konsideroj kaj preferoj de iuj eldonejoj, sed la vasta leganta kaj konsumanta amaso mem. Tiel AELA povas aperigi en nia lingvo ne nur librojn de facilaj romanoj, sed ankaŭ instruajn, kulturajn, artajn kaj poeziajn verkojn, kiujn eldonejo bazita sur individua risko ne kuraĝus eldoni.

KIAJN AVANTAĜOJN ĜUAS ESPERANTISTO, ALIĜANTA AL AELA?

Li ricevas la tiujaran kolekton de AELA-libroj por la tre malalta kotizo, ricevas la pasintjarajn kolektojn duonpreze, ricevas opajn librojn per rabato de 40%, ricevas senpage la gravan gazeton: LINGVO, LIBRO; rajtas elekti la serion abonatan kaj la librojn de la sekva jaro.

KIAJN LIBROJN ELDONOS AELA EN 1935-a JARO:

**Serio A** **LINGVA**

En tiu ĉi serio ni donas 1200 paĝojn de tri gravaj verkoj.

NOVA KRESTOMATIO. Verkis Dr. K. Kalocsay, Dr. E. Pfeffer

480 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 6.30 plus 10%. Bindo 1.50 svfr. Daŭrigo de la Fundamenta Krestomatio, prezentanta per valorega apenaŭ akirebla materialo la literaturan evoluon inter 1905 kaj 1930. Same kiel la Enciklopedio, nepre necesa por ĉiu vera esperantisto: ĝi estas ja samtempe lingvo- kaj literaturo-historio, stilmodelo, legolibro kaj literaturo.

PLENA GRAMATIKO DE ESPERANTO. VORTO KAJ FRAZO

K. Kalocsay, G. Waringhien

412—550 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. 5.60—7.60 svfr. (Depende de la amplekso.) Bindo 1.50 svfr.

Jen la unua vere kompleta E-a gramatiko, okupiĝanta detale kaj ĝisfunde ankaŭ pri ĉiu parto de la sintakso. Multlingva franco kaj multlingva hungaro ĝin faris, kio garantias la plenan interlingvecon de la vidpunktoj. Ĉiu nuanco stila ricevas tie sian E-an ekvivalenton: ne per novkreo sed per sagaca trovemo. Eksterordinare grava verko, signifa por la tuta evoluo de la E-a stilo.

NORMLINGVO POR ELEKTROTEKNIKO

Eugen Wüster. Tradukis E. Pfeffer

Malgranda eldono de la fama germanlingva verko de Wüster. Riĉega libro traktanta ĉiujn problemojn de la lingvo teknika, samtempe donanta profundan enrigardon en la vortstrukturon de diversaj lingvoj kaj de Esperanto, kies taŭgecon por internacie teknika lingvo la aŭtoro evidentigas nerefuteble. (Parenteze: la sama germana eldono kostas 9.— markojn)
Se tiuj ĉi libroj en formato 20×13.5 cm. ne atingas la bezonatan paĝonombron kiel kvaran ni aldonos Evoluo de Esperanto, de Petro Stojan.

**Serio B** **ARTA-SCIENCA**

### EDMOND PRIVAT: INTERPOPOLA PACO

ĉ. 200 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 3.— plus sendkosto. Bindo 1.50 svfr.
Ne necesas aparte prezenti al la E-a publiko E. Privat, la stiliston kaj pensulon. La klara lingvaĵo kaj klara pensogvido brilas en sia plena pompo en tiu ĉi porpaca verko, kiu samtempe prezentas interesajn kulis-sekretojn el la laboro de la Ligo de Nacioj.

### ANTAL HEKLER: ARTHISTORIO II. Tradukis K. Kalocsay

180 paĝoj + 112 bildopaĝoj. 23×15.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 10.— plus sendkosto. Bindo 1.50 svfr.
Post la grandsukcesa unua volumo ni ne devas aparte konatigi ĝian daŭrigon, kiu pritraktas la historion de arto de la renesanco ĝis Picasso kaj la moderna arkitekturo. La verko, la sola arthistorio en Esperanto, instruas kaj propagandas samtempe.

### VAN LOON: RIGARDU LA TERON Tradukis G. Saville

480 paĝoj, 125 enpaĝaj ilustraĵoj; 12 unukoloraj bildoj; 18 plurkoloraj bildoj 23×15.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 11.— + sendkosto. Bindo 1.50 svfr.
Eble la esperantistoj havas la plej grandan intereson pri geografio, ĉar ili ja certe deziras koni la landojn, en kiuj ili havas amikojn. Gravan mankon do kompensas la traduko de tiu ĉi verko grandsukcesa, aperinta jam en 20 lingvoj. Ĝi ne estas seka sciencaĵo, sed donas la abundajn konojn kvazaŭ senrimarke, en formo de sprita babilado. Apartan valoron havas la primitivaj, sed spritaj kaj ege instruaj desegnoj. La libro estas simila luda instruilo, kiel tiu de Aisberg pri la radio.

**Serio C** **BELETRISTIKA**

### JEROME K. JEROME: TRI HOMOJ EN BOATO
**El la angla: G. Badash**

240 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 4.— + 10%. Bindo 1.50 svfr.
Unika libro de bonhumoro. La leganto ne ĉesas plej bonguste ridi pri la tri ĉeffiguroj »por ne paroli pri la hundo«. La tradukanton bone konas la legantoj de Literatura Mondo.

### AXEL MUNTHE: ROMANO DE SAN MICHELE
**El la germana: Jenny Walaminsky**

550 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 10.— + 10%. Bindo 1.50.
La granda homkono, la supera arto kaj grandioza sento de humoro de verkisto unuiĝas en la aŭtoro. Li tiras nin kun si nerezisteble tra ridaj kaj larmaj scenoj, el sub lia sorĉo ne estas eble liberiĝi. Vera internaciulo: svedo, parizano, nun vivanta blindiĝinte inter siaj karaj birdoj sur la insulo Capri. Sian verkon li verkis en tri lingvoj. E-o nepre devas posedi ĉi tiun libron.

### STEFAN ZWEIG: AMOK El la germana: I. Lejzerowicz

88 paĝoj 20×13.5 cm. Prezo: broŝ. svfr. 1.40 + sendkosto. Bindo 1.50 svfr
Ĉi tiu eterne bela novelo restas neforgeseble en la memoro de ĉiu leginto.

### I. LEJZEROWICZ: EL LA VERDA BIBLIO KAJ BABILADO DE HORACO SERCER

100 pĝ. + 25 bildopaĝoj 15.5×11.5. Prezo: broŝ svfr. 2.20 + 10% Bindo 1.50.
La delonge anoncita libro fine pretiĝis, kaj, ilustrita de R. Laval, ĝi estos bonega distrilo de vintraj grupvesperoj. Jen nia movado en kurba spegulo.

ORIGINALA ROMANO

ĉ. 400 paĝoj. Proksimuma prezo: broŝ. svfr. 6.50 + sendkostoj. Bindo por du volumoj 3.— svfr. Por tri vol. svfr. 4.50.

De iu el la verkistoj: Szilágyi, Weinhengst, Vera Gutman, G. Saville. La verkoj estas parte sub ellaboro, parte sub kontrolo, do provizore ne estas decidite, kiuj du aŭ tri (laŭ la amplekso) estos el ili eldonitaj. Ni esperas, ke vi estos kontentaj pri la elekto, farota fakesperte kaj konscience.

## Kiom estas la kotizo al AELA en 1935.

Prezoj en svisaj frankoj.

1. Kotizo por la lingva serio:

7:— se pagata ĝis la 1-a de februaro
8:50 se pagata ĝis la 1-a de julio
10:— se pagata ĝis la 1-a de decembro.
Por tiu kotizo la membro ricevas la plenan lingvan serion.

3. Kotizo por ĉiuj tri kune:

25:— se pagata ĝis la 1-a de februaro
27:50 se pagata ĝis la 1-a de julio
30:— se pagata ĝis la 1-a de decembro.
Por tiu kotizo la membro ricevas ĉiujn tri seriojn.

2. Kotizo por la arto-scienca aŭ beletristika serio:

10:— se pagata ĝis la 1-a de februaro
11:— se pagata ĝis la 1-a de julio
12:— se pagata ĝis la 1-a de decembro.
Por tiu kotizo la membro rajtas elekti unu el la du serioj. La du serioj kune kostas svfr. 18.50; 20.—; 22.—; laŭ la tempo de la pago.

Ĉi kotizoj validas por libroj broŝuritaj kun simpla (senregistra) sendo. La librojn de la serioj ŝanĝi je aliaj libroj la membro ne rajtas. Libroj de diversaj serioj ne estas mikseblaj.

Kion atenti ankoraŭ ĉe la pago?

1. Estas haveblaj ankaŭ serioj kun malmola bindo. Tia bindo kostas po 0.90 svfr. pagotajn por ĉiu libro samtempe kun la kotizo.

2. Kostoj por registrita sendo (en kiu okazo AELA garantias kontraŭ perdiĝo) kostas po 0.50 svfr. por ĉiu aparta volumo.

3. La kotizo estas pagebla ankaŭ en partoj plej malfrue 1-an de decembro 1935. Minimuma partopago 3.— svfr. La tempo de la lasta partopago fiksas la sumon de la kotizo laŭ la supra tabelo.

Kelkaj pluaj informoj pri la membreco:

La akcepto de kotizoj por 1935 estos fermata la 1-an de decembro.

La membreco ekvalidas post la ricevo de la unua partopago aŭ pago de plena kotizo, post sendo de la plena adreso kaj elekto de la serio, kaj finiĝas aŭtomate post la ricevo de la abonitaj libroj.

La libroj aperas sinsekve inter la tempo 1-a de februaro kaj 31-a de decembro 1935. Aperon de iu el la libroj AELA anoncas per la senpaga kvaronjara gazeto LINGVO-LIBRO.

Se sufiĉe da demandoj, AELA presas librojn ankaŭ sur speciale luksa papero kun luksa bindo. Specialajn kondiĉojn pri tio petu aparte.

## Kion donas AELA por specialaj prezoj al la membroj?

Ĉi membro rajtas aĉeti ĉiun libron eldonitan de la eldonejo (do ankaŭ libron el alia samjara serio) kun rabato de 40%. Sed el ĉiu libro oni povas aĉeti nur po unu ekzempleron. Ankaŭ kelkdekoj da aliaj libroj, eldonitaj de fremdaj eldonejoj estas haveblaj por tia favora prezo; pri ilia listo demandu la administracion, la liston de la propraj eldonoj vidu sube:

| | Ordinara prezo Afrankite | Prezo por AELA-anoj Afrankite |
|---|---|---|
| J. Baghy: Dancu Marionetoj | 3.75 | 2.25 |
| J. Baghy: Viktimoj | 5.50 | 3.30 |
| J. Baghy: Preter la Vivo | 2.20 | 1.30 |
| Kalocsay: Lingvo, Stilo, Formo | 1.65 | 1.— |
| » Streĉita Kordo | 4.40 | 2.65 |
| » Rimportretoj | 2.20 | 1.30 |
| » Eterna Bukedo | 9.90 | 5.95 |
| » Madách Tragedio de l' Homo | 4.40 | 2.65 |
| » Goethe, Romaj Elegioj, | 2.20 | 1.30 |
| Kalocsay—Waringhien: Parnasa Gvidlibro | 4.— | 2.40 |
| Forge: Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 4.40 | 2.65 |

| | Ordinara Prezo Afrankite | Prezo por AELA-anoj Afrankite |
|---|---|---|
| **Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | 3.30 | 2.— |
| **Genthon:** Pentroarto en malnova Hungarujo. Duontole bind. 12.—, 7.20; broŝurita 10.—, 6.— duonlede bind. | 17.— | 10.20 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | 2.75 | 1.65 |
| **Engholm:** Homoj sur la Tero | 4.— | 2.40 |
| **Kalocsay—Pfeffer:** Nova Krestomatio | 6.95 | 4.15 |
| **Kalocsay—Waringhien:** Plena gramatiko kaj sintakso de Esperanto | ? | ? |
| **Eugen Wüster:** Normlingvo por Elektrotekniko | 3.10 | 1.85 |
| **Stojan:** Evoluo de Esperanto | 2.30 | 1.40 |
| **E. Privat:** Interpopola paco | 3.30 | 2.— |
| **Hekler—Kalocsay:** Arthistorio II | 11.— | 6.60 |
| **Van Loon—Savi.le:** Rigardu la Teron | 12.10 | 7.25 |
| **J. K. Jerome—Badash:** Tri homoj en boato | 5.70 | 3.40 |
| **Axel Munthe—J. Weleminsky:** Romano de San Michele | 11.— | 6.60 |
| **Stefan Zweig—Lejzerowicz:** Amok | 1.55 | 0.95 |
| **Lejzerowicz:** El la Verda Biblio kaj Babiladoj de Horaĉo Ŝercer | 2.75 | 1.65 |
| **B. Mussolini—K. Kalocsay:** Vivo de Arnaldo | 1.55 | 0.95 |
| **R. M. Rilke—A. Münz:** Leteroj al Juna Poeto, (nur bindita) | 1.65 | 1.— |

## AELA-serio 1933.

| | | |
|---|---|---|
| **Redaktis Kalocsay:** Hungara Antologio | 13.20 | 7.90 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 7.70 | 4.60 |
| **Dante—Kalocsay:** Infero | 9.70 | 5.80 |
| **Asch—Lejzerovicz:** La Sorĉistino el Kastilio | 3.85 | 2.30 |
| **Enciklopedio de Esperanto I—II** | 33.— | 19.80 |
| | 67.45 | 40.40 |

**La kvin supraj verkoj KUNE** broŝ. 33.50
binditaj 38.50

## AELA-serio 1934.

| | | |
|---|---|---|
| **Weinhengst:** Turstrato 4 | 4.— | 2.40 |
| **Hekler—Kalocsay:** Arthistorio I | 14.30 | 8.60 |
| **Jeluŝiĉ—Rotkviĉ:** Cezaro | 9.90 | 5.90 |
| **Engholm:** Infanoj en Torento | 2.20 | 1.30 |
| **Slonimski—Grenkamp:** Mia Vojaĝo en Sovetio | 3.— | 1.80 |
| **Ceĥoslovaka Antologio** | 13.20 | 7.90 |
| **Redaktis Kalocsay:** Dekdu Poetoj | 2.75 | 1.65 |
| **Adamson:** Auli | 1.80 | 1.10 |
| **Aisberg:** Fine mi komprenas la Radion | 4.95 | 3.— |
| **Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 2.75 | 1.65 |
| **Karinthy—Totsche:** Vojaĝo en Faremidon | 1.20 | 0.70 |
| **Kikuĉi:** Amo de Toojuuroo | 1.20 | 0.70 |
| **Herzl—Selzer:** La juda ŝtato | 3.— | 1.80 |
| **Mussolini:** Vivo de Arnaldo | 1.55 | 0.95 |
| | 65.80 | 39.45 |

**Dekdu el la dekkvar libroj** binditaj 33.—
**La dekkvar supraj verkoj KUNE** broŝ. 43.—

Prezoj kun simpla sendkosto kaj broŝurite. Por ĉiu bindo estas pagota aparte 0.90 svfr. por ĉiu rekomendo po 0.50 svfr.

**Leginte tiujn informojn, kion vi faros nun?**
Mi rapidos por sendi mian kotison kaj mendon antaŭ februaro al Adm. **Literatura Mondo,** P. K. O. Kraków Nr. 403148.

instruisto kaj pasigu ekzamenojn. Se ili ne obeas la ordonojn aŭ ofendas la instruiston, ili estu forsendataj, eĉ se ili estas politike diligentaj, dum unu ĝis tri jaroj. La instruisto estu obeata. Li ricevu sian salajron ĝustatempe kaj ricevu sian porcion da nutraĵoj kaj da industrivaroj. Li ne estu ŝarĝata per aliaj taskoj, kiuj malebligas al li, ke li progresu en siaj studoj.

La ĉefcelo de la edukado restis la sama, kiel en la unuaj jaroj de la revolucio: la preparo de ano de nova socio. Sed tio okazu sen neglekto de la ĉiutagaj taskoj kaj devoj de la nova sociano. Li sciu iom, kaj bone. Kiel Lenin diris: li riĉigu sian menson per la spiritaj trezoroj de la homaro.

Kiam li studas la arton, li apliku politikajn principojn, sed li zorgu, ke li bone komprenu la arton.

Lia edukado havu celon. Li ne sekvu kurson pri tiel-nomitaj liberaj artoj, kurson, kiu ne kondukas al iu difinita celo. Li sin preparu por fiksita posteno en la nova socio — instruisto, kuracisto, inĝeniero, aŭ iu alia pozicio, kiun li zorge elektu.

La lernejo lin preparu por lia vivlaboro, kaj estu en solida inter-rilato kun sovetia vivo: industrio, komerco, agrikulturo, ktp.

La rezulto estas, ke, enirante rusan lernejon, oni trovas disciplinon kaj seriozecon, kiuj ne estis tie dum la unuaj jaroj de la revolucio. Kelkaj studentoj bedaŭris la ŝanĝojn kaj protestis kontraŭ la perdo de siaj rajtoj, kiel ili diris. Sed oni ne atentis tiujn protestojn.

Vere, Rusujo nun moviĝas al pligrandiĝanta formalismo en edukado kaj al limigo de ti l-nomitaj lernantaj rajtoj. La jaroj de la eksperimentado konvinkis la rusojn pri ĉi tiu ora vero:

ne ekzistas oportuna, facila vojo en
edukado kaj instruado.

Se la studentoj ne sin streĉas individue kaj energie dum la studado, ili ne kapabliĝos akceli la taskojn kaj la celojn de la revolucio.

Estas eble, ke ili kontraŭas tiun progreson, sed... tion la gvidantoj neniel permesos.

---

# Svedujo

## La ortografia problemo en Svedujo

*De s-ro Inge Krusberg, Göteborg*

Ne nur ĉe la komunikado inter diversaj nacioj la naciaj lingvoj montriĝis tiel malfacilaj, ke estis necese konstrui apartajn internaciajn lingvojn. Ankaŭ ene de la nacioj la naciaj lingvoj montriĝis pli malfacile uzeblaj, ol dezirinde. Kiam temas pri la skriba lingvo, certe la plej multaj instruistoj rimarkas, ke ĝi estas pli ol necese malfacila. Ja estas konate, ke en multaj landoj ekzistas movadoj, kiuj celas la pli-simpligon de la skriba lingvo de la lando en unu aŭ pluraj punktoj.

Koncerne la svedan lingvon ĝi, kiel multaj aliaj lingvoj, estas pro-

la neregulaĵoj de la gramatiko kaj ortografio malfacile lernebla kaj lernigа. La gramatikaj malfacilaĵoj kutime estas neforigeblaj, ĉar ja neniam povas esti starigata la postulo pri ŝanĝo de la buŝa lingvo. En kelkaj okazoj en la sveda buŝa lingvo per la evoluo fariĝis kelkaj ŝanĝoj, dum kiam la skriba lingvo kutime restis ĉe la originaj formoj. »Scias« tiel al kutima sveda buŝa lingvo tradukiĝas ĉiam per *vet*. Ankaŭ laŭ la skriba lingvo »mi scias« estas *jag vet*, sed »ni scias« tradukiĝas per *vi veta* kaj »vi scias« en certaj okazoj per *I veten*. Kelkaj aŭtoroj jam uzas la pli simplajn buŝajn formojn ĉe sia verkado, sed oni ankoraŭ ne interkonsentis, kiel fari en la lernejo. Tiu »skriblingva komitato«, kiu nun laboras je la komisio de la korporacioj de la popollernejaj geinstruistoj, nun postulas, ke la ŝtataj aŭtoritatoj donu definitivan informon, ke oni rajtas uzi la novajn formojn en la lernejo, kie la speco de la stilo alion ne postulas.

Rilate la ortografion ŝajnas, ke estus pli facile fari ŝanĝojn, ĉar tiuj ja neniel tuŝus la parolan lingvon. Certe, dum la paso de la jarcentoj malpli gravaj ŝanĝoj estas faritaj, kaj la lasta kaj plej radikala estis farata en 1906. Tamen ankoraŭ restas multaj eviteblaj malfacilaĵoj. Plej malfacile estas scii, kiam oni skribu per sola aŭ duobla konsonanta signo. Duobla konsonanta signo kutime anoncas, ke la antaŭstaranta vokalo estu mallonge elparolata. Tiu regulo pro multaj kia!oj ne povas esti konsekvence adaptata, kaj hodiaŭ oni skribas laŭ amaso de reguloj kun multaj esceptoj kaj esceptoj de la esceptoj.

Certe ne estas maleble skizi taŭgan solvon, sed tiom da vortoj aliiĝus, ke skriba aŭ presa teksto tiel ŝanĝiĝus, ke la »skriblingva komitato«, kaj pli frue multaj aliaj, hezitis antaŭ tia reformo.

La spaco ne permesas pli, ol ke oni tuŝu nur supraĵe kelkajn el la aliaj ortografiaj problemoj. Ekzemple, la j-sono estas skribata en ses diversaj manieroj. Tio dependas de antikva elparolo. Vortoj, kiujn oni nun elparolas per j, en antaŭaj periodoj estis elparolataj diversmaniere. Oni nun deziras, ke j estu uzata ĉie. La sono, kiu en esperanto estas signata per ŝ, estas skribata en proksimume dudek diversaj manieroj, kaj oni en la sveda lingvo ne havas specialan signon por tiu sono, sed uzas ege diversajn kunmetojn de aliaj literoj. Ankaŭ tio dependas de praa elparolo, sed krome ankaŭ de »pruntepreno« de vortoj el fremdaj lingvoj. Tiuj, kiuj interkonsentis pri la dezirindeco signi la ŝ-sonon unuforme, do, pro manko de tia signo malakordas pri la maniero signi tiun sonon, kaj tio kompreneble malfaciligas la enkondukon de reformo en tiu punkto.

Parolante pri »pruntoj« oni devas konstati, ke la ĝenerala transskribo de el fremdlingvoj pruntitaj vortoj estas kroma ĉefa parto de la problemo skriblingva. La ŝtataj aŭtoritatoj jam svedigis la ortografion en kelkaj okazoj, sed la skriblingva komitato de la geinstruistoj popollernejaj insistas je pluaj paŝoj en la sama direkto. La propono de la skriblingva komitato nun estas dissendita al la lokaj grupoj de la federacioj. La grupoj jam pli frue rezoluciis por denovaj ortografiaj re-

formoj. Pri la detala propono, kiun prezentis la komitato, nur malmultaj grupoj rezoluciis, sed la jam faritaj diroj kutime sekvas la linion de la komitato.
Trad. *Oskar Svantesson.*

---

# *Jugoslavio*

***El „La Suda Stelo"***

Eklernu fremdan lingvon kaj vi satiĝos por unu jardeko, eklernu multajn kaj vi havos sufiĉe por la tuta vivo; nur lernu kaj studu, kiom vi povas, kaj vi dikiĝos tiel, ke vi certe ne bedaŭros esti lerninta kaj manĝinta tiom da lingvoj!

Ni ja scias, ke via bona, plenŝtopita kapo ne krevos pro ĉio, vi ne freneziĝos, sed estiĝos saĝegulo! Konsilinde tamen estas, ke ni komencu manĝi lingvojn kiel eble plej frue, jam en infanjaroj, por ke ni havu sufiĉe da tempo por eklerni multe, multe da lingvoj... Tio estas permesita — ni ja vivas nur por tio, ke ni lernu lingvojn tute laŭguste aŭ laŭordone! Faru ankaŭ vi tiel!

Bona recepto! Nur — kiun mi demandu, per kiu lingvo mi komencu unue? Mi estas malsata! Demandante naciiston, mi ekscias: se vi estas sokolano kaj bona naciano, vi nepre eklernos la ĉeĥan lingvon! Tio ankaŭ estas via devo! Ĉu vi ne scias ankaŭ tion, ke ekzistas ĉeĥo-jugoslava ligo? Ĝia celo? Nu — ni lernos la ĉeĥan lingvon kaj ĉeĥoj la nian! Same estas fondita la klubo: Amikoj de Pollando. Vi povas denove profiti el scio de pola lingvo kaj aliĝi al la klubo.

Eble konsilos al vi aliaj: ni estas slavoj, do ni studu inter unuaj la rusan lingvon! Rusland0 ja estas la plej granda slava ŝtato! Multaj ankaŭ konvinkos vin pri la valoro de scio de bulgara lingvo — Bulgarujo ja estas nia najbara ŝtato!

Do vi havas kiel slavo jam sufiĉe da elekto. Kompreneble kaj logike estas, ke ĉiu slavo studos unue unu slavan lingvon, se li estas vera slavo! Ĉiu slavisto rekomendos nur tion al vi!

Sed — ni devas esti ankaŭ politikistoj kaj de tiu vidpunkto ni ekrigardas antaŭ ni vastan agadkampon. Ni ne devas forgesi, ke en nia ŝtatligo troviĝas ankaŭ Rumanujo kaj ĝia lingvo — la rumana — kaŭze de tio ankaŭ devas esti lernota! Ni pripensu fine, ke ni estas balkanlandanoj, do ni devas pere de lingvo ekkoni ankaŭ niajn plej sudajn amikojn!

Sed ni estas malsataj! Ni ankoraŭ ne havas sufiĉe! Krom la franca lingvo, la lingvo de amika lando, kiun oni jam lernigas en miaj mezlernejoj, krom la germana, kiun oni studigas en la supraj gimnaziaj klasoj, ni ankaŭ ne devas forgesi la anglan lingvon kiun oni parolas preskaŭ en ĉiuj lokoj de la tero!

Sed niaj romanistoj estas ankaŭ respektindaj personoj. Ili rekomendas, pli bone postulas, ke oni en drava, sava kaj zeta banusejoj en-

konduku la italan lingvon kiel duan devigan, ĉefan fakon inter lingvoj! Same laŭdiskute ankaŭ la hispana lingvo por landoj ĉirkaŭ Mediteranea maro estas rekomendita!

Bone! Sed s-ro D-ro Ninić skribis en »Obzor« (la 17-an de Marto 1929), ke en Brazilio baldaŭ 100 milionoj parolos la portugalan lingvon kaj li konsilas interiale, ke ni amuziĝu ankaŭ per portugala lingvo...

Restas nur ankoraŭ du gravaj lingvoj, kiujn parolas multaj, multaj milionoj kaj kiujn ni devas plenguste kaj senpartie ekami, por profiti el ili: la lingvoj japana kaj ĥina...

Kia ĥaoso!

Feliĉa patrujo nia! Ĉu ie kuŝas tia lando, kie oni vetprovas ellerni preskaŭ ĉiujn pli grandajn aŭ valorajn lingvojn laŭ instigoj de niaj bonaj kaj ŝatataj, fervoraj kaj meritplenaj lingvistoj! Kompatindaj nur la kapoj de studentoj, kiuj devos laŭ saĝaj deziroj de tiuj sinjoroj baldaŭ lerni tiom da valoraj kaj praktikaj lingvoj!

Kiu kuraĝos nun proponi, ke ni anstataŭ ĉiuj aliaj lingvoj studigu en niaj lernejoj pli volonte neŭtralan lingvon, nian karan esperanton? Sed ni jam diris — de gustibus non est disputandum!

*Franjo Modrijan.*

---

# Geografia instruo

Kune kun la nuna numero ni havigas al vi bildon. Ĝi estas kopio de granda (85×115 cm) lerneja bildo, kiun ni en Nederlando ofte uzas dum nia geografia instruo. La tuta kolekto ampleksas 38 diversajn bildojn, kiuj sufiĉe reprezentas nian landon kun ĝia popolo.

Antaŭ kelka tempo mi korespondis kun kelkaj gekolegoj pri la geografia instruo en niaj landaj lernejoj kaj priskribis parton de la lando, aldononte kelkajn bildojn kun klariga teksto. Miaj korespondantoj tre ŝatis tion kaj petis la tutan kolekton. Tion mi ne povis plenumi, sed mi priparolis la aferon kun la nederlanda eldonisto. Li estas preta liveri al ni la kopiojn kolorajn, kiel la nuna aldonita specimeno por modera prezo. Kiam niaj anoj interesiĝas pri eventuala eldono kun sufiĉe amplekso esperanto-teksto, ni povos presigi libreton kiu enhavos la tutan serion. Tiel oni akiros libron, bildatlason, kiu priskribas landon kaj popolon, kaj estos bone uzebla en la geografia instruo. La prezon? Precizajn informojn mi ankoraŭ ne havas, sed mi opinias ke ĝi estos inter 2 kaj 3 svisaj frankoj. Certe ne pli; verŝajne malpli.

Se oni ŝatus tiun pliriĉigon de la esperanta instruo-materialo, ni provus eldoni samspecajn libretojn pri aliaj landoj. Verŝajne multaj eldonistoj aŭ vojaĝoficejoj havas por ni taŭgan materialon, kiun ili povos disponigi al ni por modera prezo, aŭ tute senpage. Tiele ni havos malmultekostajn sed bonegajn instruilojn. Por tiu plano ni tiam petos la kunlaboron de vi ĉiuj.

La eldonisto povas havigi al vi, kiam vi tion diziras, la originalajn grandajn (85×115 cm) lernejajn bildojn, afrankitaj al via adreso, kontraŭ antaŭpago de kvar nederlandoj guldenoj. Vi povos pagi al la adreso de nia administracio. *K.*

# Kelkaj vidpunktoj koncerne nian asocion

Kun dankemo kaj ĝojo mi legis en Internacia Pedagogia Revuo pri la klopodoj, kiujn faras la estraro de nia asocio por fortigi nian movadon. Iom post iom ĝi certe ankaŭ venkos la malfacilaĵojn, kiuj nun baras la vojon.

Pripensante la aferon mi ricevis kelkajn vidpunktojn, kiujn mi ĉikune volas iom klarigi. Eble ili enhavas ion, kiu por la laboro de la estraro estas uzebla.

## Pri la TAGE-kunsidoj dum la jaraj internaciaj kongresoj

Nia fakorganizo certe estas la plej granda, kiu havas kunvenojn dum la UEA-kongresoj. Oni kalkulis, ke en la somera kongreso en Stokholmo proksimume 500 partoprenantoj estis geinstruistoj. Do proksimume kvarono el la tuta kongresanaro. Tre granda nombro, ĉu ne? Sed tia cirkonstanco devas allogi kaj instigi la estraron dungi por ĉiu kongreso iun el la mondfamaj pedagogoj aŭ psikologoj por fari prelegojn. Kompreneble mondfamaj parolantoj volas havi sufiĉan salajron por sia laboro, sed ŝajnas al mi, ke oni povas preni enirpagon al liaj prelegoj. Se li estas mondfama la kongresanoj certe volonte volas pagi kiel malgrandan sumon por ricevi okazon aŭdi tian mondfamulon. Se li tion povscias, li kompreneble parolu esperante, sed alie oni povas traduki liajn paroladojn en nian lingvon. Tiaj nun priskribitaj aranĝoj certe por nia movado estos treege efikaj por konvinki la skeptikulojn pri la taŭgeco de esperanto. Laŭ mia opinio la T. A. G. E.-kunsido en Stokholmo ne estis plej bone aranĝita koncerne la nun priskribitajn dezirojn. Dum la kunsido ĉeestis ja ankaŭ nur proksimume 200 el la 500 geinstruistaj kongresanoj.

## Pri la enhavo de Internacia Pedagogia Revuo

Pri la enhavo de nia gazeto mi volas esprimi du dezirojn: unue ke la gazeto enhavu tute kompletajn sciigojn pri la disvastiĝo de esperantoinstruado en la lernejoj, kaj due ke la gazeto enhavu vere novajn sciigojn pri pedagogiaj kaj psikologiaj spertoj en la lerneja laboro.

Suprajaj sciigoj pri la lerneja esperanto-instruado ne sufiĉas, se oni volas el ili ĉerpi veran kaj kompletan utilon por la venonta esperantolaboro instruista en la diversaj landoj. Do ne sufiĉas nura sciigo, ke en tiu aŭ tiu urbo, gimnazio, mezlernejo aŭ popollernejo okazas esperantoinstruado. La novaĵoj devas enhavi informojn klarajn kaj detalajn ĉu la instruado estas deviga aŭ fakultativa, kiom da horoj semajne la lingvo estas instruata, kiel profunda estas la instruado, la formoj por la ekzameno, kiun opinion pri la instruado havas la lerneja oficistaro, la lerneja inspektoro kaj aliaj ktp.

Koncerne mian duan deziron mi multfoje pensis, ĉu ne iamaniere estas eble ke nia gazeto kontaktiĝu kun pedagogiaj kaj psikologiaj pioniroj kaj institutoj, por ke ĝi enhavu vere allogajn novaĵojn kaj spertojn, kiujn la geinstruistaro ŝatas. Ne sufiĉas tiuj multaj mezvaloraj novaĵoj pri ekzemple gimnastiko en iu lando, pri la desegnado en alia lando ktp., kiuj frue multfoje aperis en la revuo. Ĉu ne estus eble ke nia revuo ekzemple estus aperigonta la spertojn kaj novaĵojn el la Rousseauinstituto en Ĝenevo

el multaj provlernejoj amerikaj, rusaj, germanaj kaj aŭstriaj kaj aliaj? Se dum proksima estonteco la nun priskribitaj deziroj eble iamaniere, se ankaŭ nur parte, estus plenumotaj, nia movado certe ankaŭ estus forta, pli forta ol nun. Iom post iom nia revuo estu la ĉeffonto de la mondo por pedagogiaĵoj.

### Pri Pedagogia biblioteko

Tiu plano, pri kiu la redakcio sciiĝis al la legantaro en la 3-a numero de Internacia Pedagogia Revuo, certe estas bonega. Sed nur, laŭ mia opinio, se sukcesos la eldonistoj ordinare aperigi novaĵojn. Ĉar alie tiaj novaĵoj baldaŭ estos tradukitaj nacilingve, kaj la eldonistoj eble perdas iom el la aĉetantaro.

La freŝa entuziasmo, kiu nun regas la estraron de nia movado, estas bona signo por la sukceso. Ĝi venku! *Hjalmar Kihlberg.*

---

## De la administranto

1. La nuna numero de I. P. R. estas la lasta por ĉi tiu jaro. La laborkomitato do plenumis sian promeson kaj ekspedis 6 numerojn. Ĝi scias, ke la revuo ne ĉiam estis tute modela, sed ĝi penadis fari sian eblon kaj esperas, ke ĝia laboro iom povos vin kontentigi. Ĝi promesas por la venonta jaro bone prizorgi la gvidadon, kaj petas nur vian fidon kaj ... kunlaboron.

En la unua numero por 1934 mi skribis: »Ĉe la fino de la nuna jaro, kiam alproksimiĝas 1935, ĉiu faru bilancon pri sia por-esperanta laboro.« Geamikoj, ĉu vi jam faris tion? kaj ĉu vi estas kontenta pri vi mem? Aŭ ĉu via konscienco iom riproĉas? Ĉiuokaze, volonte ni atendos vian ŝatatan helpon por la proksima jaro. Ĉu vi tion promesas?

2. Ĉiu ano, kaj precipe niaj agentoj, organizu energian propagandon por Esp. inter la geinstruistoj kaj senĉesan varbadon por nia asocio. *Komencu tuj!!* Kompreneble la tuta laborkomitato estas preta por eventuala subteno.

3. En ĉi tiu numero komenciĝas niaj legaĵoj por junaj esperantistoj, sub titolo: »Agrablaj Horoj«. Per ĉi tiu aranĝo, ĉiu abonanto de I. P. R. ricevos senpage kompletan libreton, kiun li povos uzi dum la esp-instruo al siaj gelernontoj. Tiamaniere ni provis plivalorigi vian anecon de TAGE, kaj havigi al vi tiom, kiom eble, por via kotizo.

Mi petas manuskriptojn por ĉi tiu rubriko. Bv. vidi pro tio la antaŭan numeron de I. P. R. *K.*

---

## La Juna Vivo

Dusemajna Organo por la Junularo.
Redakcio kaj Administrado: West-Graftdijk (Ned.)
Ĝironumero: 209.354 Nederlando.
Ned.: Jarabono f 0.75. Aliaj landoj: f 1.— (2 Sv. Fr. 10 Fr. fr.)
Tre bona revuo por infanoj, gejunuloj kaj plenkreskuloj, kiuj restis junaj en la koro. Dum la legado ili sin amuzas, kaj tamen lernas ion. (aŭ ĉu mi diru: pro tio?). La lingvo estas senerara. *B.*

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svedujo** | 6 | kron. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

———

## Agentoj de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, TIRNOVO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21. Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Dana:** Peter Frey. Claŭsensvej 26. HADERSLEV.

**Estona:** R. Gutmann. Kaupmehet, 6—1. TALLINN.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto : 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya
Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. BENKOVAC (Primorska ban.)

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda :** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** P. Mamecach, Makassar (Celebes) Lariangbangi str. 107.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős